WIKIPEDIA

# Mundolinco

**Mundolinco** estas esperantido proponita de J. Braakman, Braakmaan aŭ Braakmann el Noordwijk, Nederlando, en 1888 kaj reprezentita en 1894. Estas provo plilatinigi Esperanton. Tre eble estas la unua propono reformi Esperanton, pro la frueco eble estas pastiĉo.

## Morfologio

Ĉefaj ŝanĝoj rilate al Esperanto estas finigi adjektivojn kaj adverbojn ambaŭ per -e (inkluzive tiujn finitajn per -aŭ), ŝanĝoj en konjugacio de verboj kaj la enkonduko de latinidaj mallongigoj kaj afiksoj (kiel, ekzemple, -osim-, por superlativo). La alfabeto forigas ĉapelitajn literojn. Ŝajne ne estas akuzativo. La trajtoj de Mundolinco estas tre similaj al praaj versioj de Ido. Kelkaj trajtoj pensigas pri interlingvao, ĉefe la uzo de latinida vortprovizo.

---

Nombroj (1-10): un, du, tres, cvarto, cvinto, siso, septo, octo, nono, desem.

## Ekzemploj

Ekzempleto: "Digne Amiso! Hodie mi factos conesso con el nove universe linco del sinjoro Braakman. Mi perstudies ho linco presimente en cvinto hori !... Ce ho linco essos el fasilosime del mundo..."

Traduko: Digna Amiko! Hodiaŭ mi ekkonis la novan universalan lingvon de l' sinjoro Braakman. Mi pristudis tiun lingvon rapide en kvin horoj! ... Ĉi tiu lingvo estas la plej facila de l' mondo..."

# Bibliografio

Braakmann, J.
· System voor eene internationale Reis- of Handelstaal : onder der naam van El Mundolinco, Dat is Wereldtaal. Grammatico del mundolinco pro li de hollando factore. Dusime edisio.
- Noordwijk : J.C. van Dillen, 1894. - 22 p.

La projekto ricevis bibliotekan kodon **417.7 “1888” BRA** de Biblioteko Butler

---